S[ro] G. Mathys. Ni ne dubas ke inter la multnombraj gelegantoj de tiu interesa revuo, Esperanto faros bonajn kaj sindonajn varbotojn.

Jos. JAMIN.

## Kroniko Belga.

**Loveno.** Kun nelaciĝebla agemeco niaj amikoj de l' « Esperantista Lovena Grupo » daŭrigas sian propagandon : de l'unuaj tagoj de Julio tri kursoj de Esperanto estas organizitaj en la Industria Lernejo : unu por la virinoj, farata de S[ro] Matthys kaj du por la viroj, farataj unua France de S[ro] P. Blaise kaj dua Flandre de S[ro] Matthys. En plej lerta maniero tiuj kursoj estis anoncitaj kaj preparitaj : grandaj kaj tre rimarkeblaj afiŝoj, sur kiuj per grandegaj literoj montriĝis la vorto : Esperanto, en ĉiuj flankoj de l'urbo konigis Esperanton kaj la farotajn kursojn; ĉiuspecaj cirkuleroj estis dissenditaj, precipe al la lernejestroj, lernejestrinoj, diversaj oficejoj, k. c. Tiujn klopodojn rekompencis fruktoriĉaj rezultatoj : ĉirkaŭe 150 lernantoj (nome pli ol 70 lernantinoj) alestis tre persiste kaj tre lerneme al la kursoj. La 28[an] de Aŭgusto, por festi la finiĝon de tiuj sukcesaj kursoj, artista kaj muzika kunveno okazos ĉe la sidejo de l' grupo. Plie, oni preparas Esperantistan ekspozicion, okazontan en la monato Septembra dum la komunumaj festoj. La tiea gazetaro, kiel antaŭe, ĉiam subtenas la Esperantistan movadon. Tiu penado, je la tempo malfavora kiam la Esperantistaro kutime iom dormetas, sincerajn gratulojn meritas : ilin do ni tutkore sendas al niaj Lovenaj amikoj precipe al la sindonaj profesoroj, S[roj] Matthys kaj Blaise, kaj ni deziras por ilia estonta agado la saman sukceson.

**La Gazetaro Belga.** En la numero Julia de la monata literatura revuo : « Le Glaneur » (406, Rue Vanderkindere, Uccle-Bruxelles) ni legis, skribitan de l' direktoro S[ro] Dufour, bonan artikolon pri la esenco kaj progresoj de Esperanto.

En la komerca revuo : « L'Exportation », organo de l' komerca Rusa-Belga kontoro, (79, Chaussée d'Haecht, Bruxelles), estis presata tre bona kaj detala artikolo pri Esperanto, speciale laŭ komerca vidpunkto.

En la numeroj de l' 28[a], 29[a] kaj 30[a] de Julio de l'Antverpena ĵurnalo « Le Matin », kiu ĝis nun nur

---

tion anglaise de M[r] G. Mathys. Nous ne doutons pas que parmi les nombreux lecteurs et lectrices de cette intéressante revue, l'Esperanto ne fasse de bonnes et dévouées recrues.

Jos. JAMIN.

### Chronique Belge.

**Louvain.** Nos amis de l' « Esperantista Lovena Grupo » continuent leur propagande avec un zèle inlassable: depuis les premiers jours de juillet trois cours sont donnés à l'Ecole Industrielle : un aux dames par M[r] Matthys et deux aux hommes: en français par M[r] P. Blaise et en flamand par M[r] Matthys. Ces cours ont été annoncés et préparés avec habileté : de grandes affiches, sur lesquelles se détachait en lettres énormes le mot : Esperanto, ont fait connaître par toute la ville l'Esperanto et les cours projetés ; des circulaires de toutes espèces ont été envoyées partout, principalement aux directeurs et directrices d'écoles, aux diverses administrations, etc. D'heureux résultats répondirent à ces efforts: environ 150 personnes, parmi lesquelles plus de 70 dames, suivirent les cours avec assiduité et zèle. Le 28 août une réunion artistique et musicale, au local du groupe, clôturera brillamment ces cours. De plus, une exposition Espérantiste se prépare pour le mois de septembre, durant les fêtes communales.

La presse locale continue, comme par le passé, à soutenir le mouvement. Ces efforts, à l'époque défavorable où le monde Espérantiste sommeille d'habitude quelque peu, méritent des félicitations sincères, que nous envoyons de tout cœur aux amis de Louvain, surtout aux dévoués professeurs : MM. Blaise et Matthys ; nous leurs souhaitons le même succès dans leur propagande future.

**La Presse belge.** Le numéro de juillet de la revue littéraire mensuelle: « Le Glaneur » (406, Rue Vanderkindere, Uccle-Bruxelles) contenait un bon article, écrit par le directeur M[r] Dufour, touchant la nature et les progrès de l'Esperanto.

La revue commerciale : « L'Exportation », organe du comptoir commercial russo-belge, (79, Chaussée d'Haecht, (Bruxelles), a présenté l'Esperanto, surtout au point de vue commercial, dans un excellent article, bien détaillé.

Dans les numéros des 28, 29 et 30 juillet du journal anversois: « Le Matin », nous avons lu avec plaisir une série de beaux articles, principalement celui du 29 qui, dans un style élevé, faisait connaître le bonheur, dont jouissent les Espé-

*ik hem in het Fransch toegestuurd heb met eene Duitsche vertaling van Mej. Augusta Greiner en eene Engelsche vertaling van M. G. Mathys. Wii twijfelen niet of het Esperanto zal onder de talrijke lezers en lezeressen van dit belangrijk tijdschrift goede en verkleefde aanhangers vinden.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

### Belgische Kroniek.

**Leuven.** *Onze vrienden der « Esperantista Lovena Grupo » zetten hun verspreidingswerk met eenen onvermoeibaren iever voort : Sedert de eerste dagen van Juli zijn drie leergangen gegeven in de Nijverheidsschool : eenen aan de vrouwen door M. Matthys en twee aan de mannen: in 't Fransch door M. P. Blaise en in 't Vlaamsch door M. Matthys. Deze leergangen werden met behendigheid aangekondigd en voorbereid groote plakkaarten, waarop in overgroote letters het woord : Esperanto prijkte, hebben door geheel de stad het Esperanto en de ontworpen leergangen doen kennen ; alle slag van strooibriefjes werden overal gezonden, voornamelijk aan de bestuurders en bestuursters van scholen, aan de verschillende besturen, enz. Gelukkige gevolgen beantwoordden aan deze pogingen : ruim 150 personen, waaronder meer dan 70 damen, volgden de leergangen met volharding en iever. Den 28 Oogst zal eene kunst- en muzikale vergadering, in het lokaal van den kring, deze leergangen op schitterende wijze sluiten. Meer nog: eene Esperantische tentoonstelling wordt bereid voor de maand September, gedurende de gemeentefeesten.*

*De drukpers doet voort, zooals voorheen, met de beweging te ondersteunen. Deze pogingen, gedurende het ongunstig tijdstip, dat de Esperantische wereld naar gewoonte een weinig sluimert, verdienen rechtzinnige gelukwenschen, welke wij uit ganscher harte aan de vrienden van Leuven zenden, vooral aan de verkleefde leeraars : MM. Blaise en Matthys ; wij wenschen hun den zelfden bijval in hunne toekomende propaganda.*

**De Belgische Drukpers.** *Het Julinummer van het maandelijksch letterkundig overzicht : « Le Glaneur » (406, Vanderkinderestraat, Uccle-Brussel) behelsde een goed artikel, geschreven door den bestuurder M. Dufour, nopens den aard en den vooruitgang van het Esperanto.*

*Het handelsoverzicht « L'Exportation », orgaan van het Russisch-Belgisch handelsbureel, (79, Haechtschen Steenweg, Brussel) heeft het Esperanto voorgesteld, vooral onder handelsoogpunt, in een uitmuntend, wel verzorgd artikel.*

*In de nummers van 28, 29 en 30 Juli van het Antwerpsch dagblad « Le Matin » hebben wij met genoegen eene reeks schoone*

malmulte parolis pri Esperanto, ni plezure legis serion da belaj artikoloj, precipe tiun de l' 29a kiu, per impresigaj frazoj, malvolvis la feliĉon, kiun ĝuas la Esperantistoj kiam, per sia internacia korespondado, ili trovas « tie, tre malproksime, trans Oceano, spiriton tiel kiel sia spirito malvolviĝintan ; koron tian kiel sia koro, estaĵon kiu pensadas, penadas, amadas kiel ili kaj kiun, sen Esperanto, ili estus konintaj neniam ».

La numero de l' 30a de Julio raportis pri interparolado kun Sro R. Van Melckebeke : la sekretario de l' A. G. E., por pruvi la tre facilan kompreneblecon de Esperanto, rakontis inter aliaj ke Esperantista Antverpenano skribis en Esperanto al la firmo Beyer, el Elberfeld, por mendi kelkajn ĥemiaĵojn : la letero, sufiĉe longa, priskribis plie iajn ĥemiajn eksperimentojn kaj precize konigis la menditajn objektojn. La firmo Beyer, sen ia eraro, sendis la deziritan mendaĵon, aldonante ke, kvankam ĝi neniel scias en kia lingvo oni estis skribinta, ĝi pensas tamen esti bone kompreninta la mendon.

Kelkajn bonajn artikolojn ankaŭ ni legis en « La Métropole » (Antverpeno) kaj « Le Petit Bleu » (Bruselo).

**Diversaĵoj**. Antaŭ kelkaj tagoj Sro L. Cogen, el Gento, estis vizitata, dum kelkaj minutoj, de nia Franca samideano : Sro Lucien Bernot ; ili interparolis nur Esperante tiel facile kiel en sia ĝepatra lingvo.

Sro L. Christiaens (151, Rue de la Victoire, Bruxelles) intencas organizi Esperantistan ekspozicion kaj petas la fremdajn Esperantistojn ke ili sendu ian Esperantan korespondaĵon.

MAURICE SEYNAEVE.

## Delegacio por la enkonduko de Helpanta Lingvo Internacia.

### Belgaj Societoj kaj Delegitoj.

(Daŭro, vidu la 3an numeron).

*Congrès universel de la Paix* (1902). — Universala kongreso de la Paco. Deligito por la Franca lingvo : Sro Houzeau de Lehaie, Belga senatano.

*Association belge des Chimistes.* — Belga Societo de la Ĥemiistoj. Sroj R. Lucion kaj Edm. Van Melckebeke, doktoroj de sciencoj.

*Association des Ingénieurs sortis des Ecoles de Gand.* — Societo de la Inĝenieroj elirintaj de la Lernejoj de Gento. Sro J. Massau, prezidanto de la Societo.

*Association des jeunes Architectes de Bruxelles.* — Societo de la junaj Arĥitektistoj en Bruselo. Sroj Paul Le Clerc, prezidanto de la Societo kaj J. Dumont, arhitektistoj.

*Cercle d'Etudes photographiques et scientifiques d'Anvers.* Antverpena Societo por fotografaj kaj sciencaj lernadoj. Sro Ernest Van den Kerckhove.

*Cercle littéraire et scientifique de Molenbeek St Jean (Bruxelles).* Literatura kaj scienca klubo. Doktoro C. Bendin prezidanto kaj Sro E. Lambert, vicprezidanto.

*Fédération des philatélistes belges.* — Federacio de la Belgaj Filatelistoj. — Sro J. Coox, kontisto.

---

rantistes, lorsque, dans leur correspondance mondiale, ils trouvent « là-bas, bien loin, par-delà l'Océan, un esprit au niveau du leur, un cœur à l'unisson de leur cœur, un être qui pense, souffre, aime comme eux et que, sans l'Esperanto, ils n'auraient jamais connu ». Le numéro du 30 juillet publiait une conversation avec Mr R. Van Melckebeke : le secrétaire de l'A. G. E., pour prouver que l'Esperanto est facilement accessible à tous, y racontait entre autres qu'un Espérantiste anversois avait écrit en Esperanto à la maison Beyer, à Elberfeld, pour faire la commande de quelques produits chimiques : dans cette lettre, assez longue, il décrivait encore certaines réactions chimiques et précisait les substances dont il avait besoin. La maison Beyer lui fit l'envoi désiré, sans la moindre erreur, et fit connaître que, quoique ne sachant en quelle langue on avait écrit, elle pensait toutefois avoir compris la commande.

Quelques bons articles ont aussi paru dans « La Métropole » d'Anvers et le « Petit Bleu » de Bruxelles.

**Nouvelles diverses** : Il y a quelques jours, Mr L. Cogen de Gand a reçu la visite, durant quelques minutes, de l'un de nos partisans français : Mr Lucien Bernot : ils ont conversé uniquement en Esperanto aussi facilement que dans leur langue maternelle.

Mr L. Christiaens, (151, Rue de la Victoire, Bruxelles) a l'intention d'organiser une exposition espérantiste et prie les espérantistes étrangers de lui faire parvenir quelques correspondances.

MAURICE SEYNAEVE.

*artikels gelezen, voornamelijk dit van den 29, dat, in eenen verheven stijl, het geluk afschetste, van de Esperantisten, wanneer zij, in hunne wereldsche briefwisseling, « ginder ver, over den Oceaan eenen geest vinden, op de hoogte van den hunnen, een hart dat slaat met hun hart, een wezen dat denkt, lijdt, bemint gelijk zij, en dat zij, zonder het Esperanto, nooit zouden gekend hebben. » Het nummer van den 30 Juli gaf eene samenspraak met M. R. Van Melckebeke : de schrijver van de A. G. E., om te bewijzen dat het Esperanto gemakkelijk genaakbaar is voor allen, vertelde er onder andere, dat een Antwerpsche Esperantist, in 't Esperanto geschreven had naar het huis Beyer, te Elberfeld, om de bestelling te doen van eenige scheikundige voortbrengselen ; in dezen redelijk langen brief, beschreef hij nog eenige scheikundige terugwerkingen en bepaalde de zelfstandigheden, die hij noodig had. Het huis Beyer deed hem de gewenschte zende, zonder den minsten misslag, en liet weten dat, niettegenstaande zij niet wist in welke taal men geschreven had, zij niettemin meende de bestelling begrepen te hebben.*

*Eenige goede artikels zijn ook verschenen in : « La Métropole » van Antwerpen en « Le Petit Bleu » van Brussel.*

**Verscheidene Nieuwstijdingen** : *Over eenige dagen heeft M. L. Cogen, van Gent, het bezoek ontvangen, gedurende eenige minuten, van eenen onzer Fransche partijgangers : M. Lucien Bernot : zij hebben enkellijk in Esperanto gesproken, zoo gemakkelijk als in hunne moedertaal.*

*M. L. Christiaens, (151, Zegestraat, Brussel) heeft het inzicht eene Esperantische tentoonstelling in te richten, en bidt de vreemde Esperantisten, hem eenige briefwisselingen te doen toekomen.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

# Legendo

DE OĴEŜKO.

Unu post la alia falis sur Romon malfeliĉegoj : fajro, pesto kaj mortiga atako de Etruskoj. La urbo estis tiam malgranda kaj malriĉa, kaj eĉ la leporagento, ĉiam timigita kaj malsata, ne envius al la loĝantoj ilian sorton. Sed Numa Pompilius kreskis inter tiuj mizeraj dometoj kaj en la matura aĝo li pensis kaj klopodis pri la malfeliĉa loĝantaro. Kiam do nun en ĝia brusto eliris duoblaj plendoj, li demandis la ĉielon kaj la teron : pro kio ? vokante al la ĉielo kaj al la tero : helpon ! La aŭguroj diris : Jupitero estas ofendita ! La estro de l' popolo suriru la Eskvilinan monteton, kaj tie en sankta arbareto la tondroĵetanta dio aperos al li kaj anoncos, kia penta ofero povos forigi lian koleron.

Sur Eskvilina monteto, inter la arboj, kovritaj per la nokta mallumo, Numa ĵetis sin teren kaj lia vizaĝo falis sur la herbojn, malsekajn pro nokta roso. Super li aperis la reĝo de l' tondroj kaj de l' favoroj, de l' mallibero kaj de la liberigo. Li aperis en lumaĵo, teruriganta la homajn pupilojn, en vesto fleksita kiel la cigno, kun aglo ĉe la flanko kaj kun arko, streĉita per fulmo, en la mano. La arboj senmoviĝis, silentiĝis la murmuroj kaj la sonoj de l' tero; en tiu ĉi mallaŭto de teruro kaj de atendo ekbruis la voĉo de Jupitero :

— Sur mia altaro, por trankviligi mian koleron, metu morgaŭ kvincent kapojn!

La malsekaj herboj ekmurmuris sub la tremanta korpo de Numa ; lia mallaŭta voĉo, humile petegaanta, rediris :

— Vi postulas kvincent kapojn, Sinjoro de l' mondo, sed kiajn ? mia mortema orelo ne aŭdis tion ĉi. Morgaŭ, en la ĝardenoj, kiujn ankoraŭ ne detruis la Tibro superakvanta la landon, antaŭ ol la oraj haroj de Febus lumigos la teron, mi detranĉos kaj metos sur vian altaron kvincent kapojn de ajlo !

En la ree silentiĝinta spaco ektondris la voĉo de Jupitero :

— Vi estas avarulo, Numa, kaj vi provas ŝpari la kapojn de viaj Romanoj. Donu do al mi mil korojn, elŝiritajn el la homaj brustoj !

Numa respondis :

— Jen mi estas. Mi suferas por miloj, — mil koroj batas en mi. Elŝiru ilin, Sinjoro, el mia brusto.

— Vi ŝparas ankaŭ la korojn. Donu do al mi unu vivon, sed tian, en kiu mia kreanta genio spiris la grandecon plej altan.

— Jen mi estas. Mi fariĝis la estro de mia popolo, — mi estas la plej granda el ili.

— Mi ŝanĝas mian volon. Mi postulas, ke vi oferu la vivon de tiu el Romanoj, kiu estas la pli malalta el la plej malaltaj.

— Jen mi estas. Mi servas la tutan mian popolon; mi estas servisto de ĉiuj, mi estas pli malalta ol la plej malaltaj.

La brovoj de la dio de l' tondroj iom malsulkiĝis kaj la teruraj fulmoj erarantaj antaŭ liaj okuloj, paliĝis. Kiam li ekparolis, lia voĉo similis la silentiĝantan tondron.

— Vi plaĉas al mi, amanto de ĉiela Egerio. Estas domaĝe lasi vin en malriĉa kaj turmentita Romo. Leviĝu kaj iru en la landon de Etruskoj. Tie la kampoj estas fruktodonaj kaj la ĝardenoj estas riĉaj, en la marmoraj palacoj sonas luksaj festenoj kaj en la sanktejoj staras monumentoj de grandaj homoj. Mi ordonos, ke vi estu reĝo de potencaj kaj feliĉaj Etruskoj. Via vivo fluos en la ĝuo, kaj la manoj de majstro skulptos monumenton por vi kaj lokos ĝin sur plej alta supro.

Numa levis petegantan vizaĝon de la herboj, kovritaj per la roso kaj respondis per demando :

— Sed ili, Sinjoro ?

— Vi ankoraŭ pensas pri ili. Mi do ne sendos vin al la Etruskoj, sed prenos en mian ĉielon. Jen eltiriĝas al vi la flugilo de mia aglo. Ĝi estas larĝa kaj mola. Metu sur ĝin viajn membrojn, lacigitajn per la tera laboro, kaj sur la delikataj ondoj de l' aero flugu en la spacon de l' senmorta feliĉo !

Numa ree demandis :

— Sed ili, Sinjoro ? sed miaj Romanoj ?

— Vi ankoraŭ pensas pri ili ! pensu pri via Egerio. Ŝi estas ĉielanino, kaj vi, filo de la tero. Sole sekrete kaj malofte vi povas vidi ŝin apud la bordo de l' rivereto, kiu fariĝis el ŝiaj larmoj. Via morto tranĉos la fadenon de via amo. Vi ne vidos ŝin en malluma Erebo, kaj por ŝi mia Olimpo fariĝos malluma Erebo. Jen mi sendas el mia arkofulmo; kaptu en viajn manojn la fajran rubandon, ĝi alportos vin al Egerio kaj al la eterna feliĉo.

La malsekaj herboj tremis sub longa ĝemo de Numa, sed levante sian vizaĝon de l' tero, li rediris :

— Sed ili, Sinjoro, sed ili? sed ili?

Estingiĝis la fulmo, tuj rapidonta el la arko de Jupitero, kunmetiĝis la flugilo de la aglo. Sur la potencaj ŝultroj de Jupitero la haroj ondiĝis pli kaj pli delikate, kaj en la voĉo de l' kolera dio aŭdiĝis favoraj sonoj, kiam li diris :

— Faru, Numa, ke en via Romo fluu rivero de tia amo, kiel la via, kaj mi ligos ĉiujn sagojn en mia sagujo !

Kaŝiĝis la ĉiela apero. En la sankta arbareto restis Numa kun vizaĝo sur la tero. En la nokta malluma la herboj tremis sub liaj ĝemoj kaj malsekiĝis per la roso de liaj larmoj.

— Kiel mi ĝin faros, Sinjoro de l' mondo ! kiel mi povas fari ĝin ?

El pola lingvo tradukis KABE.

## Multlingva hotelo.

Oni legis sur elpendaĵo de ia provinca hotelo :

— Tie ĉi, oni parolas ĉiujn lingvojn. —

Voĵaganto eniras, alparolas la hotelmastron intersekve per Angla, Germana, Itala kaj Hispana lingvoj kaj ricevas nenian respondon. Uzo de Esperanto ricevis saman akcepton.

« Kiu do, li demandis intrigita, parolas tie ĉi ĉiujn lingvojn, tiel, kiel anoncas la elpendaĵo ?

La hotelmastro, tre serioze, respondis :

« La vojaĝantoj, Sinjoro mia. »

## Rakontetoj.

1. — Du pentristoj estis farintaj la portreton de Hannibal'o. Unu el ili pentris ĝin plene similantan, sed kun du okuloj, kvankam je unu li estis senigita de malsaneco. L'alia pentristo prezentis Hannibal'on je profilo, tiamaniere ke oni vidas nur la bonan okulon. Hannibal'o riproĉis severe l'unuan, sed rekompencis riĉe la duan.

2. — Amiko ia, kiu vizitis Miĥaelo Angelo, vidas la gloran skulptiston finigantan statuon. Kelkaj tagoj pli malfrue l'amiko ree faras viziton al la fama artisto kaj denove trovas lin okupata je la statuo.

Mirigita, li diras :

— Vi estis mallaborema de la lasta fojo, kiam mi vidis vin !

— Neniel, respondis la skulptisto ; mi korektis ĉi tiun parton, poluris tiun alian, dolĉigis tiujn trajtojn, akcentis kelkajn muskolojn, donis pli da energio al tiu lipo kaj al tiu membro.

— Tute bone, diris l'amiko, sed ĉio tio estas nur bagateloj !

— Eble, reparolis Angelo, sed memoru ke la bagateloj faras la perfektecon, kaj la perfekteco ne estas bagatelo !

Tradukis Leopold PELS el Bruselo.

## La lastaj vortoj de kelkaj eminentuloj.

« Ne, mi sentas malvarmon ! » La Franca astronomiisto Bailly, mortkondamnita de la revolucia tribunalo, respondante al la ekzekutisto kiu demandis lin ĉu li havas timon.

« Soldatoj, rekte al la koro ! » Marŝalo Ney je sia ekzekuto.

Tradukis leŭtenanto V. INGLADA
Barcelono Hispanlando.

## Deziras Korespondadi.

28. Will Jarvis, 40, Peckham Grove, Camberwell, London S. E., (Anglujo), deziras interŝanĝi kun ĉiulandaj samideanoj, ilustritajn poŝtkartojn aŭ ĵurnalojn (ilustritajn, nefrancajn).

## Novaj libroj.

Esperanta Frazlibro de l'Turisto kun tradukoj Angla, Franca, Germana, Hispana kaj Itala. Kolekto de « Lingvo Internacia » Prezo : 50 centimoj. Sin turni al Sro P. Fruictier, 27, Bd Arago, Parizo.

Thèmes d'application. Lexicologie, syntaxe, formation des mots de l'Esperanto. (Kun la vortareto de la uzitaj vortoj.) de L. de Beaufront. Prezo : 2 fr., Hachette et Cie.

Ekzercoj de Aplikado. Leksikologio, sintakso, Vortfarado Esperantaj, de L. de Beaufront. Prezo : 1 fr., Hachette et Cie.

Anfangsgründe der Esperanto-Sprache von Th. Cart und Hermann Jürgensen. Prezo : Mk 0.30, Hachette et Cie.

First lessons in Esperanto by Th. Cart and Joseph Rhodes. Price : six pence. Review of Review's office, Mowbray house, Norfolk street, London, W. C.

Hamlet, W. Shakespeare, 1er acte, traduit de l'Esperanto par Joseph Delfour, Librairie Poiré-Choquet, 8, rue de la République, Amiens (France).

A.-J. Witteryck : Het Esperanto. — Zegepralende oplossing van het vraagstuk der Wereldtaal, gegeven door Dr Zamenhof. Prezo : 0.15 fr.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C^ie^ *et chez* SPINEUX & C^ie^ *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT. Prix 2.50 (port en plus.)

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.75 fr.) verzendingskosten daarboven.

Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces à des prix très réduits dont on trouvera le tableau ci-dessous.

Ces annonces devront satisfaire aux conditions suivantes :

1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;

2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,

3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1/16 | de | page | annuellement | fr. | 8.00 |
| 1/8 | » | » | » | » | 15.00 |
| 1/4 | » | » | » | » | 28.00 |
| 1/2 | » | » | » | » | 50.00 |

*De* « BELGA SONORILO » *aanveerdt aankondigingen aan zeer matige prijzen, van welke men hieronder de tabel vindt.*

*Die aankondigingen moeten aan de volgende voorwaarden voldoen :*

*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*

*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*

*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *1/16* | *bladz.* | *jaarlijks* | *fr.* | *8.00* |
| *1/8* | » | » | » | *15.00* |
| *1/4* | » | » | » | *28.00* |
| *1/2* | » | » | » | *50.00* |

## LA PERILO DE LA GAZETISTARO.

(L'INTERMÉDIAIRE DE LA PRESSE).

**15, rue Ste Gudule, BRUXELLES.**

Legas, tradukas, detranĉas ĉiujn ĵurnalojn gazetojn kaj revuojn de la tuta mondo kaj sendas, el ili, ekstraktojn pri ĉiuj objektoj.

Ĉiu kiu deziras interesadiĝi je ia demando, abonas l'Intermédiaire de la Presse.

Prezarojn pri abonoj oni sendas laŭ demando.

Oni korespondas en Esperanto.

---

## POŜTAJ KARTOJ

kun desegna titolo de la « *BELGA SONORILO* » riceveblaj de So A.-J. Witteryck en Bruges.

**Prezo de la cento : 1,25 franko.**

---

# SPINEUX & CIE

— FREMDA LIBREJO —

FONDITA EN 1833

## 62, Montagne de la Cour

## BRUSELO.

Telefono 3688 Telefono 3688

## Libroj eldonitaj de HACHETTE & CIE

Vendas ĉiujn esperantistajn librojn kaj, ĝenerale, ĉiujn librojn verkitajn en ia lingvo.

KORESPONDANTOJ EN ĈIUJ ALIAJ LANDOJ.

**ONI KORESPONDAS ESPERANTE.**

---

Ĉiuj verkoj kiuj eliras el la presejo de nia

*" Belga Sonorilo "*

estas presitaj kun la plej akurata zorgo kaj rapideco. Se vi deziras presigi verkojn, petu pri la prezoj kaj modeloj.

---

KOMERCEJO

# JULES BONTE

Rue des Bouchers, 55

BRUGES.



Tuta aranĝigo de presejoj. — Fabrikado de maŝinoj por presi. — Ĉiuj iaj specoj da literoj kaj duailoj. — Broĉiloj per nikelfadeno, altranĉiloj, premiloj por atlasigi, numerigiloj, inkoj, kliŝaĵoj, k. t. p.

Post peto, oni sendas, senpage, modelojn kaj prezarojn.

---

# KELKAJ FLOROJ ESPERANTAJ.

Ilustrita Legolibro

de A.-J. WITTERYCK.

| | |
|---|---|
| Prezoj por unu numero | En Belgujo : franko : 0,20 |
| | En eksterbelgaj landoj : fr. 0,25 |
| Prezoj por kvin numeroj | En Belgujo : franko : 0,75 |
| | En eksterbelgaj landoj : fr. 1,00. |

*Sin turni al* A.-J. WITTERYCK, BRUĜO.

---

VENDEJO KONFIDINDA.

## J. PRINGIERS, peltisto

**Rue de la Monnaie, 41, BRUGES.**

Havas la honoron sciigi sian multnombran klientaron ke li ĵus novigas sian kolekton da komercaĵoj, estas diri pli ol kvin mil novpecoj da felaĵoj diversaj. — Speciala metiejo por reuzebligi. — Purigo kaj novigo de ĉiuj iaj formoj de felaĵoj ; sola vendejo kiu ĝi mem fabrikas la felaĵojn en Bruĝo.

---

## " *Universala gluo* "

ESTAS LA PLEJ BONE.

Tenejo por Eŭropo ĉe So Witteryck-Delplace, Bruĝo (Belgujo). Oni akceptus agenton en ĉia lando.

---

**NI REKOMENDAS LA PLUMOJN**

## BAIGNOL kaj FARJON de Parizo.

Sin turni al So WITTERYCK-DELPLACE, BRUĜO, tenejo por Belgujo. — Pli ol 500 specoj.